**1**

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | O | E | Ĉ | T | C | O | I | S | F |
| 1 | 3 | 7 | 9 | 3 | 6 | 2 | 4 | 8 | 7 |

**2**

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| U | V | S | Ŝ | D | E | O | I | A | ☆ |
| 8 | 3 | 1 | 6 | 5 | 4 | 2 | 0 | 7 | 3 |

**3**

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| K | C | I | T | I | S | E | M | A | B |
| 4 | 7 | 1 | 6 | 5 | 1 | 3 | 9 | 6 | 4 |

**4**

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | ☆ | Ĉ | D | Z | P | E | B | N | C |
| 6 | 8 | 4 | 2 | 9 | 3 | 1 | 8 | 7 | 5 |

**5**

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| L | T | M | A | E | U | Ĝ | S | E | F |
| 2 | 8 | 3 | 1 | 4 | 9 | 7 | 1 | 3 | 5 |




# juna amiko

**6**

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| V | Ŝ | O | R | B | Ĉ | I | A | D | T |
| 7 | 9 | 0 | 3 | 8 | 8 | 7 | 6 | 7 | 9 |

**7**

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| E | N | A | I | A | ☆ | M | ☆ | O | A |
| 3 | 4 | 7 | 9 | 2 | 8 | 5 | 4 | 6 | 1 |

Vidu la regulojn de la ludo sur la 21-a paĝo!


INTERNACIA LERNEJA ESPERANTO-REVUO

SEPTEMBRO 1977 ☆ 4-A JARO, N-ro 2 (11)

juna amiko

Nemzetközi
eszperantó
diáklap

Megjelenik
évente háromszor

IV. évfolyam,
2. szám, 1977

Felelős szerk.:
Kurucz Géza

Kiadja
a Magyar
Eszperantó
Szövetség
1081 Budapest,
Kenyérmező u. 6.

Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült
a Somogy megyei
Nyomdaipari
Vállalat
kaposvári üzemében
— 77-3649 — 5000
példányban

Felelős vezető:
Farkas Béla igazgató

TASKO
DE ĈIU
ESPERANTISTO:
PROPAGANDI
LA REVUON
INTER LA
KOMENCANTOJ

ABC
POR KOMENCANTOJ

*Ludmila Jevsejeva*



## *LA UNUA LERNO-TAGO*

*Sur kalendara foliet'*
*septembra tag' paradas.*[1]
*Re-venas hejmen, el lernej',*
*sep jarojn aĝa Vladas.*

*„Ĉu bone pasis lerno-tag'*
*kaj lecion' unua?*
*Ĉu ne sin kaŝas ruĝa not'*
*en kajereto blua?"*

*„Ha, la sci'vola instruist'*
*min pri-demandis multe;*
*kaj mi ne ŝuldis*[2] *je respond',*
*por ne silenti stulte*[3]*."*

1. sin montras en festa ekster-aĵo/ 2 ĉi tie: ne ŝparis la vortojn/ 3. malsaĝe.

## PROVERBOJ

*Pli da okul'paroj, malpli da eraroj.*
*Al la buŝo de oni, neniu povas ordoni.*
*Akvo kura — akvo pura.*
*Prefere tuj ovo, ol iam poste bovo.*
*Pli bone estas malgranda „jen prenu",*
*ol granda „morgaŭ venu".*

Maksim Gorkij, grand'eg'ulo de la monda literaturo, fond'into de la soveta literaturo, en pli ol unu okazo el-paŝis favore al Esperanto. La ĉi-subaj pensoj de Gorkij aperis en la gazetoj Internacia Ĵurnalisto[1] (1966) kaj Mondo kaj Lingvo (1977). Ni prezentas, el ili, nur kelkajn gravajn erojn.



# Gorkij pri Esperanto

*Arte-far'ita lingvo! Kio do, el la homaj kreaĵoj, ne estas artefarita? Hakilo, lokomotivo[2], aviadilo... Ĉu ĉio ĉi tio ne estas artefarita? Tiuj iloj, kiel ankaŭ la lingvo, de-venas el la sama fonto: el la ĉiu-taga bezono. Nia tuta kulturo estas artefarita; kaj dank' al tio, ĝi servas nin tre bone.*

*Zamenhof estas rekta poste-ulo de la mita[3] Prometeo. Prometeo ŝtelis la fajron dis-de la dioj; Zamenhof donis, en la manojn de la homaro, instrumenton[4], kiu nutras la fajron en la animoj de milionoj da homoj.*

*Esperanto estas simpla kaj klara, same kiel ĉiu genia[5] kreaĵo. La homaro ĝin bezonas ĉiam pli kaj pli.*

*Por mi, Esperanto estas la plej perfekta kaj promeso-plena lingvo el ĉiuj naciaj kaj internaciaj lingvoj. La titana[6] verko de Zamenhof neniam forgesiĝos. Esperanto estas la lingvo de nia proksima est'ont'eco.*

*Ĉu, eble, ni elektu la anglan aŭ la germanan kiel help'lingvon? Sed... kial ne la ĉinan? Ĝi ja estas parol'ata de kvar-ono de la homaro! Ne; ĉar iu ajn el la lingvoj, kiu pretendas[7] al monda potenco[8], fariĝas agresulo[9], kaj pereus[10] kiel Napoleono. Ankaŭ, ĉar la ceteraj 1500 lingvoj protestas[11], kaj ilia protesto estas justa.*

*Eĉ se Esperanto ne povos gajni la hom'amasojn, nacia lingvo ne estos akcept'ita. Sed mi estas konvink'ita, ke nenia alia lingvo estos necesa. Esperanto estas la lingvo de la estonteco, kaj ĉiu unu-opa esperantisto povas fari unu turnon je la rado de la ĉaro[12], pasanta[13] al la estonteco.*

*Kaj tamen... kial, dum 50 jaroj, la esperantistoj atingis nur tiom? Multaj malsaĝaj antaŭ-juĝoj provis kaj ankoraŭ provas bari la vojon al la estonteco. 50 jaroj, historie, estas nur momento; kaj dum tiu momento, la semo ĝermis[14], fariĝis alta folio-hava arbo, kiu ne plu timas sekecon.*

*Ĉu vi ankoraŭ ne lernis ĉi tiun lingvon? Komencu tuj! Vi perdos nenion, kaj vi gajnos multe.*

(*La parolon notis I. Ŝkape en la jaro 1933.*)

1. jurnalo: ĉiu-taga gazeto/ 2. vapora aŭ elektra maŝino, kiu tiras vagonojn/ 3. mito: rakonto pri dioj aŭ duon'dioj/ 4. rimedon, ilon/ 5. ekster-ordinare saĝa/ 6. admir'inde grandega kaj grava/ 7. postulas povon ne hav'ante rajton/ 8. rego-povo; superregado/ 9. atakanto, kiu ne estis atak'at/ 10. falus, mortus/ 11. levas voĉon kontraŭ io/ 12. 4-rada veturilo/ 13. kiu pasas/ 14. ĝermo: la unua juna el-kreskaĵo el semo.




# HISTORIO DE LA MONO

Eĉ ne unu tago pasas, hodiaŭ, sen zorgoj pro mono. La mono, ŝajne, ligas sin ne-disig'eble al la homa vivo. Nuntempe, ni apenaŭ povas imagi homan socion sen ekzisto de mono.

Tamen, tio ne pruvas, ke la mono havas la saman aĝon kiel la homo. Dum jar'miloj, la homoj vivis sen koni ĝiajn benojn[1] kaj malbenojn.

Komence, la homo produktis ĉion, kion li bezonis por si. Sed baldaŭ, jam en tiu frua tempo, ek-estis diferenco pro personaj kapabloj, unu-flanke, kaj pro naturaj kondiĉoj, ali'flanke. Iuj homoj montriĝis talentaj[2] ĉasistoj, aliaj — lertaj potistoj; unu pra-familio vivis en regiono, kie troviĝis bon'kvalita siliko[3], taŭga por armiloj kaj laboriloj; dum al alia prafamilio mankis siliko, sed abundis[4] tie salo aŭ argilo[5] por potoj.

Tio rezultigis la unuan dividon de laboro kaj la komencon de inter-ŝanĝo de varoj[6] inter homoj. Sed la afero estis iafoje malsimpla. Supozu[7], ekzemple, ke viro deziris ŝanĝi sian bovinon kontraŭ kvar kaprinoj. Ver'ŝajne li devis fari longan vojaĝon, por renkonti homon, kiu havis kaprinojn, kaj kiu volis ek-posedi bovinon. Tre povas esti, ke la renkont'ito deziris ĉasilojn aŭ potojn, sed tute ne bovinon.

Iĝis pli kaj pli klare, ke — por pli-faciligi var'interŝanĝon — necesas ia per-ilo, kiu estas ŝanĝebla kontraŭ ĉio ajn. Dum la historio de la homaro, aperis multaj diversaj „monoj".

konduk'ita, en *Eŭropo,* fare de *Karlo la Granda.* Li decidis, ke 12 arĝentaj denaroj[15] valoru unu soldon[15]. Tiu sama sistemo donis, en *Anglio,* 12 pencojn[15] por unu pundo[15].




Jen estas kelkaj interesaj el ili: ŝtonaj disketoj[8] sur la *Karolin-Insuloj;* fiŝoj en *Alasko;* kakao-faboj[9] en *Meksiko;* rizo en *Hindujo;* tegoloj[10] en *Egiptujo;* teo-brikoj[11] en *Mongolujo, Tibeto kaj Manĉurio.* Oni uzis ankaŭ konkojn[12] kiel monerojn.

La malkovro de metaloj okazigis revolucion. Aparte gravaj metaloj estis la oro kaj la arĝento. La suno kaj la luno donis al ili magian[13] valoron. En *Babilono,* la suno kaj la luno estis rigard'ataj kiel diaj ĉiel'korpoj; kaj la rilaton de la valoro inter ili (nombro-rilato 1:13,4) esprimis la rilato de la suna jaro al la luna monato.

Pro la sankta karaktero de la mono en *Babilono,* iĝas klara la uzo de la 12-uma kalkulsistemo[14] kiu, poste, estis en-

La unuaj moneroj aperis en *Libio,* antaŭ ĉirkaŭ 2600 jaroj. Ili estis stamp'itaj[16], kaj komence ili portis (ĉar la mono estis de dia de-veno) la bildon de dioj.

Poste, la helenoj (tio estas: pra-grekoj) el-donis monerojn laŭ Libia ekzemplo; sed ili uzis la decimalan (10-uman) kalkulsistemon. De ili, la mono iris al Romo.

Mono el papero aperis unue en *Ĉinio,* jam antaŭ la 10-a jar'cento.

La historio de la mono estas, kompreneble, pli riĉa je aventuroj[17]. Ĉi tie, ni prezentis nur la plej gravajn momentojn pri la naskiĝo de la mono.

Multaj homoj kolektas monerojn, same kiel aliaj kolektas poŝt'markojn. Ili estas numismatoj[18]. Eble ankaŭ en vi, vek-

iĝis intereso por tia ŝat'okupo, tre bela kaj utila.

*Laŭ la revuo „Kulturaj Kajeroj"*

1. okazaĵo ne ĉiu'taga, prezent'ata de Dio/ 2. el-stare kapablaj kaj lertaj/ 3. sablo-ŝtono/ 4. havis pli multe ol la sufiĉa kvanto/ 5. flava glu'eca tero, taŭga por potofarado k. t. p./ 6. varo: komercaĵo/ 7. prenu kvazaŭ io estus tiel/ 8. disko: ronda plata objekto/ 9. frukto de varma-regiona arbo uz'ata por fabriki ĉokoladon/ 10. tegolo: plata bak'ita argilopeco por kovri tegmenton/ 11. briko: sama kiel tegolo, sed pli dika; ĉi tie: teo-folioj, pak'itaj briko-forme/ 12. konko: ŝirma osteca kovraĵo de sen-ostaj molaj mar'estaĵoj/ 13. super-naturan; ĉio-povan/ 14. aro da unuoj por esprimi mezurojn/ 15. mon'unuoj/ 16. stampi: en-premi per speciala ilo bildon kaj literojn en metalon/ 17. ne-ordinaraj okazaĵoj en la vivo/ 18. homo, kiu kolektas malnovajn monerojn.

*Daŭrigo „ĉar mi..."*

*„Fakte, mi jam estus ellerninta ĉion, se vi ne kverelus kun mi sen-halte. Mi multe dezirus scii, kial vi estas nervoza ĉiufoje, kiam mi komencas lerni."*

*El la hungara tradukis:*
*G. Ősz*

1. okazaĵo ne ĉiu'taga, prezent'ata antaŭ publiko/ 2. super-fluaj; sen-sencaj/ 3. vesto sen butonoj, kiu kovras la supran korpo-parton/ 4. koleru, riproĉu iun pro io/ 5. trinkaĵo el akvo kaj citron'suko/ 6. ripetadas sen-halte/ 7. inter-paroli pri ne gravaj aferoj/ 8. tre vasta sabla regiono ofte senpluva/ 9. inkujo por glob'krajonoj.

## Judit G. Szabó (:saboo)

*„Nu, vere, pajno, kial vi diras, ke mi faras spektaklon[1] el la lernado? Ĉu do mi ne rajtas preni kelkajn manĝo-pecetojn? Ĉu, eble, oni povas lerni malsata? Kiam do mi pasigas tempon per vanaj[2] aferoj? Neniam!"*

*„Estas tre strange! Mi nur lavis la manojn. Vi ripetadas konstante — ĉu ne? — ke la plej bela ornamo, por knabino, estas pureco."*

*„Tuj, tuj... Mi rapide ŝanĝos la vestojn, kaj tuj komencos lerni... Ĉu mi sur-metu la flavan puloveron[3] aŭ la rozkoloran?"...*

*„Ne! Tute ne estas egale! La flava ne konvenas al la koloro de miaj okuloj..."*

*„Jes! Jes... Ĉu, eble, mi lernu sen-vesta?... Mi surmetas do la rozkoloran. Sed... kia har'aranĝo konvenas al ĝi?"*

*„Ho, kiel ne-komprenema vi estas! Ĉu mi ne kombu min?"*

*„Kompreneble. Mi tuj eklernos; antaŭe, mi faras nur taseton da kafo. Sciu, ke la nun-tempa lernanto estas tro lacig'ita. Poste, mi faros kafon ankaŭ por vi; ĉu bone?"*

*„Se ne, do ne; sed ne kverelu[4] ĉiam, mi petas! Fakte, estos pli utile, se vi ne trinkos*

# CAR MI DAŬRE ESTAS ĜENATA

ABC
POR KOMENCANTOJ



kafon; estas ja videble, ke iu denove igis vin nervoza. Ĉu, eble, via malsaĝa ĉefo?"

„Mi pretigas nur iom da limonado[5], por ne morti pro soifo. Kian limonadon vi preferas, ĉu acidan aŭ acidetan?"

„Kial vi estas nervoza? Mi lavas la tason. Vi atentigas ja ĉiu-foje — ĉu ne? — ke, post trinko, mi tuj lavu la malpurajn vazojn."

„Panjo, bon'volu doni al mi monon. Mi bezonas novan kajeron. La malnova iĝis plena."

„Nu jen, estas strange, ke vi sen-ĉese gurdas[6]: ESTAS INTERESE, KE ĜI PLENIĜIS ĜUSTE NUN. Foje, ĉiu kajero pleniĝas, ĉu ne?"

„Estu trankvila! Mi tuj revenos."

„Ĉu mi havas la kutimon babili[7] sur-strate? Doloras al mi, ke vi tiel parolas kun mi . . ."

„Ĉu vi aŭdis, ke la najbaraj gesinjoroj eks-edziĝos? Maria rakontis en la ŝtupar'ejo, ke sinjoro Bipp . . ."

„Bone. Se vi ne volas, mi diros nenion. Laŭ via opinio, kun aliaj, mi ne rajtas interŝanĝi eĉ nur tri vortojn."

„Ĉu vi ne vidas, ke mi preparas min? Sed unue, mi devas el-meti la librojn . . . Hodiaŭ, mi aŭdis ĉarman ŝercon: Du brosoj iris en dezerto[8], kaj . . ."

„Bone. Mi ne rakontas, se vi havas malbonan humoron. Mi atentigas nur, ke estas malbone, kiam la gepatroj ne havas sufiĉan paciencon por siaj infanoj."

„Mi lernos, mi lernos . . . Mi nur devas ŝanĝi, antaŭe, la kartoĉon[9] en la glob'krajono."

Daŭrigo sur la 6-a paĝ

# PA RO NI MOJ



Kio estas paronimo? Paronimo estas vorto preskaŭ sam'sona kiel alia vorto, sed kiu havas malsaman sencon.

Ekzistas pluraj vort'paroj, kiuj diferencas[1], inter si, per nur unu plusa litero. Ekzemploj: turo — tur*t*o; paco — p*l*aco; kono — k*r*ono; temi — t*r*emi; tremi — trem*p*i; vitro — vi*n*tro.

Ĉi-supre, vi vidas knabeton, kiu flugigas sapo-vezikojn[2]. Nu, se vi skribos la trovitajn plusajn literojn en la sin-sekvajn vezikojn, vi ricevos la titolon de fama verko, kiun doktoro Zamenhof tradukis en la unuaj jaroj de Esperanto. Sendu la titolon kaj la nomon de la verkisto, antaŭ la 1-a de januaro, al s-ro Dieter Berndt, Berolinastr. 2., 102 BERLIN, GDR.

(1) *Daŭra aero-fluo — meza parto de la homa korpo*

(2) *Inter-helpi por efektivigi ion — morti, neniiĝi*

(3) *Ekzisti, troviĝi — sur-meti jakon, pantalonon k. t. p.*

(4) *Veturilo ruliĝas per ĝi — rekta-linia mallarĝa brila strio, kiu el-iras el lum'anta korpo*

(5) *Mizerulo[3] el-ĵet'ita el la socio; malŝat'ata persono — la ĉef'urbo de Francio*

(6) *Matematika KAJ — norda aŭ suda ekstremo[4], ekzemple, de la Tero*

(7) *Mezuri la pezon de io — fari libron aŭ gazeton per metalaj literoj kaj inko*

(8) *Turnebla fermilo de akvo-tubo — sankta libro de Islamo[5]*



1. havas malsamecon/ 2. globetoj el sapo-ŝaŭmo/ 3. kompat'inda malriĉ'ulo; malfeliĉ'ulo/ 4. fino/ 5. religio, kiun fondis la araba profeto Mahometo (ankaŭ nom'ata: Mohamedo).

# KIO IGIS LA TIGRON TIMI?

*Sur la insul'ego Borneo ne vivas tigroj[1]. Jen kiel la indiĝenoj[2] klarigas tiun feliĉan fakton[3]:*

*Iam, antaŭ longa tempo, la tigro, reĝo de la bestoj, kiu vivis sur la Malaja Duon'insulo, anoncis al la bestoj de Borneo, ke li intencas veni al Borneo, por regi ankaŭ tie.*

*Tiu sciigo multe timigis la bestojn de Borneo. Sed la ruza plandoko[4] diris: „Timu nenion!" Kaj li skribis en letero al la Tigra Moŝto, ke la bestoj de Borneo multe ĝojas pro lia alveno, kaj ke ili kore bon'venigos Lian Reĝan Moŝton. „Sed mi devas atentigi Vian Reĝan Moŝton", li al-donis, „ke ĉi tie jam regas alia tigro, tre granda, fortega kaj potenca[5]." En la koverton de la letero, li metis pikilon de histriko[6], kaj al-skribis tio estas harego de nia nuna reĝo."*

*La reĝa tigro de la Malaja Duoninsulo neniam venis; kaj, dank' al la ruzeco de la plandoko, ne vivas — kaj neniam vivis — tigroj sur la insulego Borneo.*

*El la malaja lingvo tradukis:*

*R. Vaughan (Borneo)*




1. granda kato-simila sovaĝa rabo-besto/ 2. pra-loĝ'antoj de la regiono/ 3. sen-duba konstato/ 4. kapro-simila am'ata besto de la indiĝenoj, fama pro sia ruzeco/ 5. mult'pova/ 6. malgranda mem'besto, kies korpon kovras pikiloj.

## DE SAGO' SUR ARBO
## AL MODERNA ABOCO

ABC POR KOMENCANTOJ

II.

Eble, ŝajnas al vi, karaj gejunuloj, ke la vojo estigi abocon estis facila. Tute ne! Inter la sago, fiks'ita sur arbo, kaj la modernaj alfabetoj kuŝas ne jaroj, sed jarmiloj. Orient'azianoj (ĉinoj, koreanoj, japanoj) ankoraŭ uzas „bildojn" (ideogramojn)... Kaj en sovaĝaj ĝangaloj[2], vi ankoraŭ certe povus trovi homojn, kiuj sin nutras nur per ĉasado kaj frukto-kolektado. Povas esti, ke iuj el ili ankoraŭ fiksas sagojn sur arboj, por montri al aliuloj la vojon al kapt'ita besto.

Esprimi ideojn per bildoj, estis tre malfacila laboro; tial en antikva[3] Egiptujo, nur la sacerdotoj[4] povis fari tion. La tekniko de la skribado estis malsimpla: oni devis gravuri[5] la bildojn sur ŝtonon, — en Asirio — sur argilon[6].

Poste, saĝaj egiptoj trovis la herbon papiruso[7]. Ili dis-tranĉis ĝiajn trunkojn en longajn striojn[8], kun-gluis la pecojn, kaj skribis sur tiuj per „stilo" kaj inko. Stilo estis plumo el kano[9]. Skribi sur papiruso estis multe pli facile ol gravuri sur ŝtono aŭ argilo. Pro rapida skribado, la bildoj simpliĝis; kaj tiam ne plu estis eble, distingi bildon dis-de skribo. La fenicoj (ili loĝis en la hodiaŭa Centra Oriento) elektis nur kelkajn trajtojn[10] de la bildoj por unu-opaj sonoj. Tiel naskiĝis la pra-formo de nia nuna aboco.



EGIPTAJ HIEROGLIFOJ
BILDA SKRIBO

*„Paĝo" el la „Libro de mort'intoj." Ĉiu simbolo[12] signas tutan vorton aŭ frazon. Vi vidas kvar egiptajn skribistojn, kun skribiloj el kano. Iliaj vizaĝoj esprimas aŭ respekton antaŭ la reĝo, aŭ sci'volemon. Ili aspektas kiel nun-tempaj ĵurnalistoj[13], ĉu ne?*



### ASIRIA KONJO-SKRIBO

*El-ĉerpaĵo el la fama skribaĵo de reĝo Dareios en Behistuno. La skribisto sidas kaj per ligna vergeto[14], li gravuras simbolojn sur argilon. Ĉar la materialo estis mola kaj la skribilo estis el ligno, la skribo-signoj estas kojnoformaj[15].*

### LA PLEJ ANTIKVAJ SKRIBO-SISTEMOJ

1. *Egipta solena (hieroglifoj)*
2. *Egipta sacerdota (hieratika)*
3. *Fenica*
4. *Greka*
5. *Latina (nia)*
6. *Antikva slava (pli poste: rusa)*




Antikvaj grekoj prenis la fenicajn literojn, kaj pli-simpligis ilin, ĝis — fine — naskiĝis la greka alfabeto. Multaj, el vi, lernas la rusan lingvon, ĉu ne? Nu, vidu, la azbuko[11] devenis de la antikva greka alfabeto.

*J. Klement* (Ĉeĥoslovakio)
*DAURIGO SEKVOS*

1. pra-tempa pafilo; longa pinta branĉeto el-paf'ebla/ 2. ĝangalo: vasta pra-arbaro en varma regiono/ 3. pra-tempa/ 4. pastroj/ 5. „skribi" sur ŝtonon aŭ metalon k. t. p./ 6. flava tero taŭga por poto-farado k. t. p./ 7. kreskaĵo, kies interno donis la pra-paperon/ 8. strio: longa mallarĝa kaj maldika peco/ 9. akva kreskaĵo ĉe-borda/ 10. trajto: karakteriza parto de io aŭ iu/ 11. alfabeto de slavaj popoloj kun ne-latinaj literoj/ 12. kon'ata simpla signo pri io/ 13. ĵurnalo: ĉiu-taga gazeto/14. maldika longa peco el ligno/ 15. kojno: pinta 3-angula peco uz'ata kiel ilo/ 16. aro da signoj, ekzemple.

"Klubo de Legantoj"

LA RUBRIKON[1] GVIDAS
*Josef Chvosta* (:hvosta)
Engelsova 289,
290 01 PODEBRADY
*Ĉeĥoslovakio*

Sendu ĉiun korespondaĵon rekte al tiu adreso!

⊙ Novaj kluboj:
KJA/7: *Renzo Benedetti*, Viale Bolognesi 193, 47100 FORLI, *Italio.*

KJA/8: Esperanto-klubo „*Antaŭen*”, Visokovoltnij masiv, ul. Sajfulina 4.; 700125 TAŜKENT, *USSR.*

Ni bon'venigas ilin.

⊙ En nia klubo KJA/2 en Berlin, GDR, mortis du klubanoj. Honoron al ilia memoro! Rememoru pri ili en viaj kun-venoj!

⊙ Jen ekzemplo de kluba raporto[2]. Tiajn raportojn regule sendas nia fervora[3] klubo KJA/2.

Ekstérordinara grupvespero
okazis la 17-an de februara 1977
en Pankow en la Kulturdomo " Erich Weinert "

La Esperantistoj ; pli bone dirite, la "gajaj humoruloj",
estis invitintaj la kursanojn el la Popola Altlernejo
de Prenzlauer Berg, kiuj sukcesis en la ekzameno
post 2-semestra lernado.
La festan vesperon malfermis s-ino Sauerbrey,
bonvenigante la prezidanton de CLB R. Graek kaj
salutante la klubanojn kaj la kursanojn kiuj
[illegible] de la ~~BAK~~ DLK-estro.

JEN ESTAS LA PORTRETO DE NIA PAROLEMA KSAVER IPSILON



⊙ Kiel plaĉas al vi la portreto[4] pri KSAVER IPSILON, kiun desegnis, por ni, la 11-jara Z. *Kurucz* el Kecskemét, Hungario? Tiu portreto aperos, de nun en la supro de nia rubriko.

ABC POR KOMENCANTOJ

⊙ La frato de XY jam estas laboristo. Li estas kompostisto[5] en presejo. La kompostisto faras el fand'ita[6] metalo literojn kaj liniojn, kaj fine ordigas ilin en paĝoj por la presado. Hejme, la frato havis tekston[7]. Bedaŭrinde, XY iel rompis la unu-opajn frazojn ilin, sed malbone: la teksto ne plu estas komprenebla, malgraŭ ke la sin-sekvo de la frazoj restis ĝusta. Helpu al ni! Sendu la ĝustan tekston antaŭ la apero de nia nova numero!

*en vivis alta Supre sia gardisto*
*kun fami lum'turo lio. li Vespe-*
*re por lumojn lumigis ŝipoj. ilin*
*mal Matene li lumigis. leviĝis*
*kontroli li estis fulmo-vetero*[8]*, Se*
*nokta por la plur'foje lumojn.*
*Dum-tage kaj lampojn ripozis li*
*purigis. Pri la edzino lia familio*
*zorgis. ŝi 200 malsupren Ĉiutage*
*iris ŝtupojn kaj supren. Por pu-*
*lio*[9] *estis ŝarĝoj grandaj. Ankaŭ*
*kaj komencis malsupren filo kaj*
*supren filino iri. helpis la anko-*
*raŭ patrino al lernej'frekvent-*
*ado*[10] *Antaŭ ili. Dum havis ili la*
*taskojn siajn lernejfrekventado*
*familiajn. taskojn ĝojis ke plenu-*
*mas La la la ĝoje gepatroj gefi-*
*loj. vivis la feliĉe tuta familio*
*Tial. la En lernejo utilajn filoj ge*
*akiris konojn. mekanismojn*[11]*, kaj*
*Ili faciligis la el-pensis supren-*
*iradon la kiuj laboron.*

1. parto, angulo ĉe gazeto/ 2. letero kun sciigo/ 3. laborema, diligenta/ 4. bildo pri persono/ 5. fak-laboristo en presejo/ 6. farita flua aŭ malmola/ 7. presaĵon aŭ skribaĵon/ 8. tre malbona vetero/ 9. rado kun ŝnuro aŭ ĉeno; ĝi servas por levi pezaĵon/ 10. frekventi: regule viziti/ 11. kunigitaj metalaj pecoj por funkciigi maŝinon.

# ANEKDOTOJ



## SCIENCISTO KAJ RIĈULO

Sciencisto entreprenis gravan sciencan laboron, sed li ne havis rimedojn por efektivigi[1] ĝin.

Li vizitis riĉulon, kaj petis lin pri helpo. La riĉulo rifuzis[2]; kaj, inter ili, komenciĝis jena dialogo[3]:

*La riĉulo:* „Mirinde estas, ke nur la saĝuloj ĉiam venas al la riĉuloj, kaj ke la lastaj, kontraŭe, neniam venas al la saĝuloj."

*La sciencisto:* „Ĉar la saĝuloj konscias ke, al ili, mankas mono; sed neniam la riĉuloj konscias, ke mankas al ili scienco."

*La riĉulo:* „Kial do la riĉuloj oferas[4] volonte al blinduloj[5], lamuloj[6] kaj aliaj tiaj malfeliĉuloj, sed ne volonte helpas, per mono, al malriĉaj saĝuloj?"

*La sciencisto:* Ĉar ili timas, en la est'ont'eco, eble mem fariĝi blindaj, aŭ lamaj, aŭ simile; sed ili neniam timas iam fariĝi saĝaj."

# LUDU ŜAKON!

*De la ven'onta numero, vi trovos en JUNA AMIKO anguleton sub la titolo „Ludu ŝakon!" Tie, ni prezentos facilajn ŝak'taskojn (problemojn) en 5 sin-sekvaj numeroj. Inter la legantoj kun ĝustaj solvoj, ni lotumos librojn.*

*La ĉefa premio estos 4-taga sen-paga gastigo en Hungario, somere de 1979. La konkurson povos partopreni nur gejunuloj ĝis-17-jaraj.*

*Venu, ludu kun ni ŝakon!*

*D-ro J. Németh (:nemet)*

1. realigi/ 2. malakceptis/ 3. inter-parolado/ 4. for-donas ion de sia havaĵo por granda afero/ 5. blinda: ne kapabla vidi/ 6. lama: ne pov'anta bone iri/ 7. arlekeno: gajig'isto en reĝa kort'ego.



## ARLEKENAĴO[7]

La arlekeno de la franca reĝo *Francisko la Unua* ofte donis konsilojn al la reĝo, precipe pri gravaj aferoj. Iam, la reĝo demandis lin:

„Ĉu vi ne volus ŝanĝi vian oficon kontraŭ la mia?"

„Tute ne!", respondis la arlekeno.

„Kial ne?" demandis la reĝo. „Ĉu vi hontus esti la reĝo de Francio?"

„Mi ne hontus esti la reĝo; sed mi hontus havi tian arlekenon kiel vi", klarigis la arlekeno.



# KANTU!

## KIAM VENAS VESPERO EN VALO

*Usona kanto* *Tradukis Kawamura-Sinitiro*



*Miaj karaj Kastoroj!*

*Jam denove estas septembro, kaj re-komenciĝis miloj da klasoj, inter kiuj, sen-dube, estas multaj pri nia internacia lingvo Esperanto. Multaj el vi rekomencos sian studadon, kaj multaj aliaj (ni esperas!) unua-foje komencas lerni Esperanton. Pro ambaŭ kaŭzoj, ni atendas pluan aktivecon*[1] *en nia Klubo, kiam iuj el vi atingos pli altan gradon, kaj kiam novaj Kastoretoj al-iĝos. Do, decidu jam nun! Se vi ne estas Kastoro, tuj lernu la promeson, kaj petu vian instruiston atesti pri tio al mi! Se vi jam estas membro de la Klubo, tuj ek-laboru pri la kondiĉoj por la pli alta grado! (Detaloj*[2] *pri ĉiuj gradoj aperis en la aprila numero de JUNA AMIKO.)*

# KASTORA LETERO

## De J. H. SULLIVAN

### NOVA KUN-LABORO

En la komenco de la nuna jaro, la KASTORA KLUBO de ESPERANTO faris inter-konsenton kun la *Eŭropa Klubo de Paderborn* (Germanio), ke ĝiaj infanoj, kiuj kontentige faris „delfenoprovon[3]", rajtas esti Kastoroj. Tio signifas, ke tiuj germanaj infanoj povos fariĝi Kastoretoj kaj Brunaj Kastoroj per plenumo de la kondiĉoj pri egal'valoraj „delfenaj" gradoj. Por esti Arĝentaj kaj Oraj Kastoroj, tamen, ili devos plenumi la ordinarajn kondiĉojn por tiuj gradoj, almenaŭ ĝis kiam ni anoncos pluan inter-konsenton.

### KURIOZA[4] FAKTO

*Unue, kiam mi pri-pensis mian leteron al vi, mi devis decidi pri kio skribi, kaj mi serĉis iun cent-jaran dat'revenon. Sed ŝajnis, ke neniu grava persono naskiĝis en 1877 aŭ 1777 aŭ 1677 k. t. p.; tial mi ĉesis pensi pri tiu ideo. Tiam, subite, mi trovis kuriozan fakton. En Britio (kiel, kredeble, vi ne scias) ekzistas kvar regionaj lingvoj, nome: la angla, la kimra, la skota-gaela kaj la irlanda-gaela. Sed antaŭ nur tre mallonga tempo, ekzistis ankaŭ la manksa (la lingvo sur la Mankso-insulo, tiu malgranda insulo inter Anglio kaj Irlando). La lasta de-naska parolanto de tiu lingvo estis Edward MADDRELL, kiu naskiĝis en 1877, do antaŭ cent jaroj! Li certe ankoraŭ vivis en 1972; sed mi ne scias, ĉu li vivas ankoraŭ nun.*

## MANKSO-INSULO

*Mankso-insulo* situas meze inter *Anglio* kaj *Irlando;* ĝi estas (kiel diras la Jar'libro de U. E. A.) „parte sen-de-penda ŝtato, konstitucie[5] lig'ita al Britujo." Ĝi estas longa je 50 km, kaj larĝa je 17 km, kaj havas areon[6] de 588 km². Kompreneble tia malgranda insulo, en la mezo de la *Brita Insularo,* ne povas esti tute sendependa; sed ĝi tamen havas sian propran parlamenton[7], la „*Tynwald*", kiu faras la leĝojn sur la insulo. La ĉef'urbo estas *Douglas,* populara[8] somer'um'ejo, kun proksim'ume 21 000 en-loĝantoj. La ĉefa industrio de la insulo ĉiam estis la ter'kulturado, kune kun la bredado[9] de ŝafoj, bovoj kaj ĉevaloj; sed tie oni elfosis ankaŭ plumbon[10], feron kaj ardezon[11]. Tamen, en la nunaj tagoj, la ĉefa industrio certe estas la turismo[12]; kaj miloj da feriantoj[13] vizitas *Mankso-insulon,* ĉiu-jare, el ĉiuj partoj de *Britio* kaj *Irlando,* kaj el multaj aliaj landoj.

## NIAJ GASTOJ

*Kun granda ĝojo, ni — lernantoj de Tomori-strata lernejo en Budapeŝto — atendis la 4-an de januaro 1977. Kial?*

*La 4-an de januaro, venis al ni gastoj: la prezidantaro[14] de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Je ilia honoro, ni, junaj esperantistoj prezentis mallongan artan programon. Estis, en ĝi, divers'naciaj kantoj, anekdotoj[15] kaj versaĵoj. Rolis gelernantoj el la 4-a ĝis la 8-a klasoj. La programo plaĉis al la gastoj. Ili ridis kaj aplaŭdis[16]. Ni ĉiuj treege ĝojis, ke niaj gastoj el Italio, Germanio, Francio kaj Svedio komprenis nin. Fine de la programo, ni ludis kun niaj gastoj.*

*Poste, nia direktoro[17] kaj Helmut Sonnabend, la prezidanto de ILEI laŭdis nin pro la interesa programo.*

*Ni kore dankas al niaj geinstruistoj: I. Patay, F. Balogh kaj J. Ingusz por ilia sin-dona laboro. Ni estas dankemaj, ĉar ili riĉigis nin per bela tra-vivaĵo.*

*Ildikó CSATLÓS, Arĝenta Kastoro 539.*

## NIAJ PROMOCIITOJ[18]

Bedaŭrinde, pro la lasta-tempaj malfacilaĵoj de JUNA AMIKO, okazis longaj paŭzoj inter la verkado de Kastora Letero kaj ĝia apero. Eĉ nun, kiam — espereble — JUNA AMIKO denove po-

vos aperi regule, mi devas skribi mian Leteron ses monatojn antaŭ la dato de la el-dono. Memoru do, se vi jam atingis pli altan rangon, kaj se via nomo ne aperas ĉi tie, ke la listo[19] estas far'ita nur ĝis februaro 1977.

FARIĜIS ORA KASTORO:

444 ROBERTS, Brian *(Britio)*

FARIĜIS ARĜENTAJ KASTOROJ:

590 MALLIA, Mario *(Malto)*,
591 MALLIA, Johano *(Malto)*,
671 GREINER, Dominique *(Francio)*.

FARIĜIS BRUNAJ KASTOROJ:

678 T. Sebestény *(Hungario)*, 658 B. Szumlanska *(Pollando)*, 663 D. Murawel *(Pollando)*, 667 I. Hnatiuk *(Pollando)*, 668 W. Nazarowicz *(Pollando)*, 669 S. Okurowski *(Pollando)*, 670 A. Sidoriricz *(Pollando)*, 676 M. Linke *(Germana D. R.)*, 677 D. Schröter *(G. D. R.)*, 652 B. Posthuma *(Svedio)*, 644 Z. Krátoška *(Ĉeĥoslovakio)*, 645 Z. Poutnik *(Ĉeĥoslovakio)*, 646 J. Csevar *(Ĉeĥoslovakio)*, 647 M. Krátoška *(Ĉeĥoslovakio)*, 648 J. Kudrna *(Ĉeĥoslovakio)*, 649 M. Zunová *(Ĉeĥoslovakio)*, 650 J. Holakovská *(Ĉeĥoslovakio)*, 672 N. Saunier *(Francio)*, 673 Ch. Neveu *(Francio)*, 674 S. Neveu *(Francio)*.

ĜIS REVIDO!

*Nun, karaj Kastoroj, mi devas fini mian leteron. Mi esperas denove esti kun vi en decembro; sed mi volas nun memorigi al ĉiuj Kastoretoj, kiuj havas membro-numeron ĝis 752, ke ili ne rajtas resti en tiu grado post la fino de la jaro. Se ili deziras daŭre resti Kastoroj, ili devas tuj „bruniĝi", tio estas: fariĝi Brunaj Kastoroj.*

1. aktiveco: agado/ 2. detalo: ne-ĉefa aĵo; ĉi tie: ĉiuj reguloj/ 3. grado, de membreco en la Eŭropa Klubo/ 4. ne-kutima sed interesa/ 5. laŭ-leĝe/ 6. areo: tero-spaco/ 7. aron da personoj, kiuj faras leĝojn/ 8. am'ata de la popolo/ 9. bredi: eduki bestojn/ 10. plumbo: tre peza metalo griza kaj mola (Pl)/ 11. nigre grizan ŝtonon/ 12. vojaĝado aŭ ekskursado por plezuro/ 13. tiuj, kiuj pasigas liberajn tagojn/ 14. estr'aro de organizaĵo/ 15. pli-malpli vera gaja rakonteto/ 16. esprimis plezuron per kun-frapado de manoj/ 17. lernej'estro/ 18. tiuj, kiuj atingis pli altan rangon/ 19. papero-folio kun aro da nomoj, adresoj k. t. p.

*Enigma demando por niaj lernantoj*

# KIU ESTAS LA KULP'ULO?

La ĉef'policisto enketas[1] pri krimo. Li suspektas[2] sep virojn, kiujn li konas laŭ la nomoj. La vera kulpulo estas inter tiuj sep; li estas tiu, pri kiu oni povas diri kun absoluta[3] certeco, kiu estas lia nomo kaj antaŭ-nomo.

La familia nomo de unu el la sep viroj estas *Boff;* du el ili estas nom'ataj *Slimm;* kaj la nomo de ĉiuj kvar aliaj estas *Kerlog.* Krome, oni scias, ke *Arno, Bruno* kaj *Pedro* estas la antaŭ-nomo de tri el ili, kaj ke la kvar aliaj havas la antaŭ-nomon *Ugo.*

Nu, kiu do estas la kulpulo?

*A. Lienhardt* (Francio)

*Respondo: La nomo de la kulpulo estas Ugo Kerlog. Oni povas kombini la diversajn nomojn kaj antaŭnomojn laŭ ĉiuj eblaj manieroj, oni ĉiam trovas, inter ili, la tutan nomon Ogo Kerlog.*

1. pri-demandas/ 2. trovas, ke iu estas kupla pri la afero/ 3. plena; tuta




Ĉu ekzistas Esperanto-lernanto, kiu ne deziras havi ekster-landan leter'amikon? Apeneŭ. Sed ne estas falice, trovi laŭ-deziran kun-ulon. Por helpi al korespond'em'uloj, UEA fondis, antaŭ 20 jaroj, korespondan centron, nome: KSM, tio estas: Koresponda Servo Mond'skala[1].

Okaze de ĝia 20-jar'iĝo, ni prezentas la agadon de KSM, kun praktika celo.

KSM inter-ligas lernejajn grupojn, aŭ unu-opajn lernantojn.

A) Kio estas bezon'ata por *kolektiva*[2] *korespondado?*

La instruisto de la klaso aŭ grupo sendu peton por korespondado al KSM. Ĝi en-havu la jenajn informojn:

(1) Nomo kaj adreso de la lernejo;
(2) Nomo de la respondeca Esperanto-instruist(in)o;
(3) Aĝo kaj sekso[3] de la klasanoj;
(4) Landoj, kun kiuj ili volas korespondi kolektive;
(5) Kiom longe validas[4] la peto por korespondado;
(6) Apartaj rimarkoj.

B) Por *individua*[5] korespondado, la jenaj informoj estas necesaj:
(1) kaj (2): kiel ĉe A/1 kaj A/2.
(3) Listo[6] de la gelernantoj, kiuj deziras korespondi: nomo, antaŭnomo, hejma adreso, sekso, aĝo, ĉefaj interesoj, grado de la Esperanto-scio, kun kiuj landoj oni volas korespondi, k. t. p.
(4) kaj (5): kiel ĉe A/5 kaj A/6.

Por ricevi rektan respondon, al-donu unu internacian respond'kuponon[7] (ĉe kolektiva korespondado), aŭ unu respondkuponon por *ĉiu duo* ĉe individua korespondado). El landoj, el kiuj respondkuponoj ne estas sendeblaj, ankaŭ ne-uzitaj poŝt'markoj estas akcep'ataj.

KSM starigas kontaktojn[8] inter la respondecaj Esperanto-instruistoj. Ĉe individua korespondado, KSM trans-donas adresojn al la hejma adreso de la korespondemuloj.

Adreso de KSM: Koresponda Servo de UEA; f-ino C. Hueter; 12 rue des Jacobins; F—63 000 CLERMONT-FERRAND; *Francio.*

Ni esperas, ke tiu mallonga prezento de KSM helpos al pluraj centoj da niaj legantoj trovi leteramikojn. Dum 20 jaroj, miloj da esperantistoj trovis fidelan amikon dank' al KSM.

1. ĉi tie: mond'vasta/ 2. kolektivo: aro de personoj, kiu agas aŭ laboras por komuna celo/ 3. li-homo aŭ ŝi-homo/ 4. tempo, dum kiu io (ĉi tie: la peto) ne perdas sian en-havon; dum iu ne ŝanĝas la decidon pri io/ 5. ne-kolektiva/ 6. aro da nomoj kaj aliaj informoj/ 7. speciala poŝta bileto, per kiu oni pagas por la responda letero/ 8. inter-ligon; interrilatojn.

# LUDO PER LITEROJ

Vi povas konstrui vortojn sur la kvadrat'ita kampo de „LUDO PER LITEROJ". Kia-maniere?

1. Konstruu vortojn horizontale (de maldekstre dekstren) aŭ vertikale (de supre malsupren)! Inter la vortoj devas esti distanco de almenaŭ unu kvadrato.
2. Vortoj (ankaŭ vort'kun-metoj) estu konstru'ataj laŭ la donita vicordo de la litero-dekoj (de 1 ĝis 7)!
3. Uzu kiel eble plej multajn literojn.
4. La vortoj povas inter-gruciĝi kun la literoj de „Ludi per literoj", aŭ kun tiuj de la jam konstru'itaj vortoj. La komuna(j) litero(j) valoras 10 poentojn.

5. * signifas: iu ajn litero.
6. Ĉiu konstruita vorto valoras la sumon de la en-konstruitaj litero-valoroj.

RIMARKO: El inter la propraj nomoj, ni akceptas nur tiujn, kiuj havas vaste kon'atan formon en Esperanto; por ekzemplo: Alpoj; Vaŝingtono, Moskvo, Danubo kaj aliaj.

De nun, ĉiu numero en-havos ĉi tiun ludon, ĉiam kun 7 novaj dekoj da literoj. Sendu viajn vortojn al la redaktisto (s-ro G. Kurucz; Hitel u. 10. fszt. 16.; H—6000 KECSKEMÉT) sur kvadratita papero! La plej lertaj vorto-faristoj estos premiitaj. Partoprenu en tiu ĉi amuza konkurso!

Por ekzemplo, ni prezentas ĉi-sekve ludon per 7 aliaj litero-vicoj.




**1.** A Ŝ K P E I A T K O
5 9 9 4 5 7 3 8 1 2

**2.** H E B L K S E O I A
9 4 2 1 5 4 3 6 6 7

**3.** P S T I Ŝ K A T Ĝ E
3 2 8 6 9 1 0 3 5 7

**4.** K N I E N L E B C A
5 9 2 1 4 6 2 3 8 7

**5.** Z G H I D J * O P C
4 7 2 6 9 8 5 3 1 6

**6.** A Ĉ L M J A I S N K
6 9 1 2 3 2 5 4 1 8

**7.** Ĝ U N * O R E I * J
7 8 6 2 4 1 3 6 5 2

1. TAPETO (10, 5, 4, 5, 8, 2 = 34); 2. HEROA (9, 4, 10, 6, 7 = 36); 3. TAPIŜO (8, 0, 3, 6, 9, 10 = 36); 4. NEBULECA. (9, 2, 3, 10, 6, 1, 8, 7 = 46); 5. POLICA (1, 3, 5, 6, 6, 10 = 31); 6. SIMILAJ (4, 5, 2, 10, 1, 6, 3 = 31); 7. EUROPANOJ (3, 8, 1, 4, 10, 5, 6, 2, 2 = 41). Sume: 34 + 36 + 36 + 46 + 31 + 31 + 41 = 255 poentoj.

⊙ 8-jara knabeto, *Pavlik Rojdestvenskij* deziras korespondi kun sam'aĝuloj el Germana Demokratia Respubliko. Adreso: *P. Roĵdestvenskij,* ul. Truda 165. kv. 12; ĈELABINSK, 454003, *USSR.*

⊙ Studento kaj 10 liaj geamikoj volas korespondi kaj interŝanĝi bildkartojn. Skribu al: *Rinat Kofiskin;* ul. Sajfulina; Visokovoltnij masiv; TAŜKENT; 700125, *USSR.*

⊙ 13-jara pola lernantino deziras korespondi kun gejunuloj. Ŝia adreso: *Lucyna Kaczka,* Równia 30; 38-700 USTRZYKI DOLNE, *Pollando.*

⊙ 13-jara ĉeha knabo serĉas junajn plumamikojn. Li deziras




interŝanĝi markojn, bildkartojn kaj flagetojn. Skribu al: *Jiří Werner;* Čajkovského 45; 74601 OPAVA; *Ĉeĥoslovakio.*

⊙ 20 komencantoj 12-ĝis 17-jaraj volas korespondi kolektive kaj individue kun la tuta mondo. Ilia adreso: Palaco de pioniroj; str. Ĉeluskincev 46; 625003 TJUMEN; *USSR.*

SOLVOJ

ŜAJNAJ VORT'KUNMETOJ (n-ro 10): 1. di-amanto; 2. rom-ano; 3. kuk-urbo; 4. kul-turo; 5. kompoto; 6. pap-avo; 7. ci-trono; 8. loko-motivo; 9. ĉe-valo; 10. kolbaso; 11. aven-turo; 12. pan-tero; 13. kata-strofo; 14. knok-aŭto.

CIFERA KRUCENIGMO (n-ro 10):




JUNA AMIKO
Internacia Lerneja Esperanto-Revuo
de la Hungara Esperanto-Asocio (H—1368 Budapest 5. Pf. 193.). Responda eldonisto: TIBOR VASKÓ. Redaktoro: GÉZA KURUCZ. Kunlaborantoj: *D. Berndt* (GDR), *H. Boffejon* (Svislando), *M. Boulton* (Anglio), *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *As. Grigorov* (Bulgario), *R. Grinŝpan, L. Jevsejeva* (Sovetunio), *E. Linz* (Aŭstrio), *R. Okumura* (Japanio), *G. Ősz* (Hungario), *B. Ragnarsson* (Islando), *Z. Rehorić* (Jugoslavio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio), *W. Zytunski* (Pollando). Grafikistoj: *J. Klement, P. Rak* (Ĉeĥoslovakio), *S. Plugor* (Rumanio), *E. Váli, Z. Vámos* (Hungario). Lingva kontrolo: *A. Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).
Kiadói Főig. engedélyszáma:
Minisztertanács Táj. Hiv. — III/IFJ/30/76

# humuro



## ABSOLUTA[1] FORGESEMO

„Kial vi havas tiel acidan mienon?"
„Ha, prezentu al vi mian teruran situacion[2]: hieraŭ mi petis fraŭlinon, por ke ŝi edziniĝu al mi; kaj nun mi ne plu memoras, ĉu ŝi respondis *jes* aŭ *ne*?"



## EN JUĜEJO

„Kiel mi vidas en la aktoj[3], la ŝtelado estas kvazaŭ via profesio[4]."
„Kion do vi volas, sinjoro juĝisto; ĉu, eble, mi ŝteladu por *plezuro*?

1. plena, tuta/2. staton/3. oficialaj paperaĵoj/4. kutima laboro/ 5. blanka-nigra birdo kun longaj beko kaj kruroj; laŭ por-infanaj rakontoj en certaj landoj ĝi al-portas suĉ'infanojn al la gepatroj.

## ĈU?

Instruistino parolis pri diversaj birdoj:
„Ankaŭ la cikonio[5] estas kon'ata pro . . ." Kaj, ĉar iu lernanto komencis ridi, ŝi demandis:
„Kial do vi ridas?"
La lernanto respondis:
„Ĉu, eble, vi opinias, ke ni ne estas sufiĉe grandaj por scii, ke cikonioj ne ekzistas?"

